ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • JANUARO—FEBRUARO 1950 • NUMERO 1—2

# *Interesan legaĵon...*

*Interesan kaj bonan legaĵon petas ĉiu pli progresinta esperantisto, por pliriĉigi sian vorttrezoron kaj pliperfektigi sian stilon, esprimkapablon...*

*Interesan kaj belan legaĵon bezonas ĉiuj gesamideanoj, kiuj trapaŝinte jam la kadron de la lingvostudado, serĉas ankaŭ art-ĝuon...*

*Interesan kaj enhavoriĉan legaĵon postulas ĉiuj poresperantaj kunbatalantoj, kiel pruvon de taŭgeco de nia lingvo en ĉiu sfero de la homa penso kaj kontraŭ la dubo de la bagateligantoj...*

*Interesan, bonan, belan, enhavoriĉan ktp. legaĵon petas, bezonas, postulas ĉiuj kaj ĵus nun, kiam eldoni Esperantajn librojn aŭ ricevi ilin el eksterlando estas afero malfacila, kaŭze de monmanko aŭ pro aliaj baroj.*

*Tial ni decidis fari nian eblon kaj en la nuna duobla literatura kajero de nia revuo prezenti al vi tri novelojn de slovaka verkisto, samideano Julio Barč-Ivan, en traduko de J. V. Dolinský. La unua povas esti nomata: Historieto de cirka knabo, al kiu ne estis permesite home travivi sian suferon. La dua povus havi titolon: Stranga venĝo pro fuŝita vivo. La tria (unuafoje aperigita en la pasintjara kolekto de Literatura Mondo), temas pri Tragedio de grandioza kriplulo Kit Marlowe.*

*Krome ni alportas — en traduko de E. V. Tvarožek — noveleton de verkisto kaj pentristo Janko Alexy pri Viktimo de la progreso. Por la sportemuloj, ni komencas publikigi serion de priskriboj pri „Tour de France“, la impona parto el la mondhistorio de biciklo-konkursoj; ĝia aŭtoro estas I. Schoon, nia fervora kaj oferema nederlanda kunlaboranto.*

*Nature, el la literatura duobla numero devis elfali ĉiuj aktualaĵoj, la naturscienca artikolo de nia franca kunlaboranto M. Cézar, enkonduko de samideano Martin Benka pri la slovaka artpentro kaj ĝia evoluo ktp., tamen vi retrovos ilin en la sekvaj numeroj, en kiuj ni aperigos multajn aliajn interesajn artikolojn kaj novelojn de niaj en-kaj eksterlandaj aŭtoroj.*

*Ni petas ĉiun nian leganton: bonvolu informi pri nia intenco ĉiujn viajn amikojn kaj korespondantojn, instigante ilin aboni nian revuon. Nur al tiuj, kiuj ju pli frue ordigos la abonon, ni povos garantii la liveradon de pluaj numeroj.*

*Sur la lasta paĝo vi trovos la liston de niaj eksterlandaj perantoj. Ankaŭ via korespondanto en ĈSR povus aboni nian revuon por vi. Aŭ vi povus rekte sendi al la redakcio egalvalorajn librojn — sed nur esperantlingvajn!*

*Ĉi tiu duobla kajero estas ricevebla ankaŭ memstare kontraŭ 3 rkp. internaciaj aŭ egalvaloro ĉe ni aŭ ĉe niaj landaj perantoj.*

*Ni esperplene atendas vian kunlaboron kaj samideanan interhelpon.*

*Esperantisto Slovaka,*
*T. S. MARTIN, ĈSR — Slovakio.*

*Julio Barč-Ivan:*

# TRI NOVELOJ

## Cirko

Sur vizaĝo, ŝirita de doloro, subite disverŝiĝis kvieto. Ŝi estis jam senmova, kvazaŭ el blanka marmoro skulptita, mistera, fora.

Tiuj, kiuj ĉirkaŭstaris ŝin — la cirkestro, Marianna kun la edzo, Longegulo, Arlekeno kaj la ponio Jimmy — mallevis la okulojn. En ili ekvoĉis la doloro pro la mizero, kiu rikanis ĉirkaŭe, doloro sentata ĉiam, kiam en ilian vivon venis ideto aŭ foriris plenaĝulo, malvenkinta en la vivo. Ankaŭ en ili ridetis la sama morto, ili sciis, ke sian lukton ili finos simile al tiu de Ruĝa Susy ie sur la ŝoseo, fore de helpo aŭ en fremda urbo, kie ne estos por ili kompato kaj ne renkontos rigardon sen malestimo, ili sciis kun klara konscio, ke ilin sufokos same fantoma paroksismo, kia finis pri ŝi, nun jam kvieta kaj silenta.

Kiel ŝi timis, ke ŝi mortos soleca. Kaj la Longegulo ĉe tiu ĉi rememoro viŝis per mallerta mano larmon el la okulo. Ŝi timis la morton en la cirka veturilo. Ŝi timis, ke ĝi venos al ŝi ĝuste tiam, kiam la aliaj en brilo de lumo estos ravantaj la publikon per sia duba arto. Tial oni portadis ŝin kun lito malantaŭ la kurtenon, de kie ŝi povis rigardsekvi la prezentadon, rigardi tra la fendo ponion Jimmy, kies patrino portadis ŝin en briletanta vesto de artrajdistino, kaj vidi la piramidon sur kies pinto estis staranta ŝia filo.





Etulo, tiel ŝi nomis lin. Tiel nomis lin ĉiuj. La Etulo staris ĉi tie antaŭ la lito ankoraŭ silente. Li atendis, ke leviĝos la kapo, tiel strange kvieta, kaj sur la senmova vizaĝo aperos rideto, kiu ĉiam estis lia rekompenco, lia ĝojo, ĉio, kion li povis ricevi de sia patrino. Li ne konis la vivbelecon de la infanoj lin alridetantaj en la cirko, kiam li faris transkapiĝojn kaj pelludadis kun la Arlekeno. Li prenis sian parton el doloro eĉ ĝojo de la plenkreskuloj kun kiuj li vivis pro la belo de freneza kaj malestimata cirka vivo, plena de pompo kaj sorĉaj momentoj, kiu senigis lin pri la infaneco kaj igis lin nura programero de vespera prezentado. Kaj nun li staris ĉi tie kun timiga doloro en la koro, rigardis la aliajn, kiel serioze unu post la alia ili alpaŝis la mortintinon kaj kisis ŝin je frunto por forpaŝi en la fonon kaj lasi lin sola stari ĉe la lito, sur kiu senmove kuŝis lia patrino. Kaj la Etulo, eĉ se li trapasis la fajron de suferado kaj provoj, kun kiuj la vivo instruis lin lukti jam kiel knabon, li sentis, ke antaŭ li faŭkas abismo, ke li pli timas rigardi en ties fundon ol rigardi de sur la piramido kaj ke li ne povas venki la doloron, kiu kunpremis lian koron kaj diris al li senkompate, ke li restis soleca.

Li ĵetis sin al la malvarmiĝanta korpo de sia patrino. La ceteraj plustaris ĉi tie, frostiĝite pro la rigardo al la ploranta knabo, kun larmoj en la okuloj. Ili ekamis lin, kvankam li ne apartenis al la cirkestra familio. Lian patron oni ne konis kaj sciis nur, ke lian patrinon inter ilin alkondukis la trompiĝo pri granda amo. Do propre oni dankis la knabon pro tio, ke Ruĝa Susy, spektaklo de pli grandaj trupoj, aliĝis al ili eĉ por la sunplenaj tagoj de sia vivo, kiam programfrunte kun ŝia prezentado oni povis halti eĉ en urboj sen timo, ke pri ili estos scivola nur la antaŭurba publiko. Kaj ĉi tagojn oni ne forgesis eĉ tiam, kiam Susy pro la malsano, kontraŭ kiu ŝi vane luktis, estis por la trupo nur ŝarĝo. Cetere tiam la Etulo, lerta en akrobataĵoj eĉ kiel kunulo de Arlekeno en ŝercaj scenoj inter la unuopaj programeroj jam kompensis tion, kio ŝi estis por la trupo.

— Kio estas farenda? — kamarado demandis kamaradon. „Oni ne povas ŝin lasi ĉi tie," flustris la Longegulo.

— Sed kiel vi forportos ŝin? — rediris la cirkestro. „Ekstere estas homamaso."

La ruĝa kurteno, malantaŭ kiu kolektiĝadis la publiko al la vespera prezentado, ekoscedis al ili enuige, abomene, kiel devo ilin atendanta.

— Kaj kion fari pri li? Pri la knabo? Ja li ne povas sursceniĝi!

— Li devas. Akrobataĵoj estas la plej bona programero kaj la Arlekenon oni ne povas lasi sen kunulo.

— Homo, — ekkriegis la Longegulo. — Ja mortis al li la patrino.

La cirkestro altiris lin al la kurteno.

— Ĉu al tiuj ĉi mi redonu la monon por la biletoj, aŭ mi vidigu al ili mizeran programon, por ke ili mokfajfu min? Volonte mi malsatus ankoraŭ du tagojn. Sed la ĉevaloj devas ricevi furaĝon.

Tio estis la plej konvinka argumento. Ĉiuj eksilentis, rekonante, ke la cirkestro pravas. Ili interkonsentis pri tio, ke oni ne venigos kuraciston kaj pri la mortokazo raportos nur matene. Marianna alportis blankan tukegon kaj kovris per ĝi Susy'n. Poste ŝi premis al si la knabeton kaj kisis lin.

— Vi ludos, ĉu, Etulo? Rigardu, ankaŭ panjo estos ankoraŭ ĉi tie. Lastafoje ŝi alrigardos vin.

La knabo je momento ĉesis plori, sed ne estis jam tempo ĝisatendi lian respondon. La gurdo, kiu anstataŭis orkestron, ekludis la enkondukan marŝkanton. La prezentado komenciĝis. Sed la knabo sentas, ke ĉio lin rigardas. Eĉ la cirkestro, staranta en eluzita frako antaŭ la kurteno kaj sin preparanta elpaŝi antaŭ la publikon post la enkonduka marŝkanto. La duan programeron post la ĉevaldresado prezentos li kun la Arlekeno. Li viŝis la larmojn. Marianna premis poŝtuketon al lia nazo, alpalpebrumante la cirkestron. Ŝajnas, ke ĉio estas en ordo.

La cirkestro jam paroladas al la publiko. La Arlekeno alpaŝis la knabon kaj prenis lin ĉe maneto. Kaj doloro estis denove en ĉies rigardoj, doloro kaj konscio pri senmezura mizero, kiu devigis ilin tiel kruele rompi la koron de la knabo. Sed kio okazas kun li? Oni rigardas lin kun teruro. La Etulo ridetas. Liaj okuloj ankoraŭ fiksrigardas la blankan tukegon, kovrantan la patrinon, sed li ridetas. Strangas la penso, kiu elsorĉis al lia vizaĝo vere ruzan rideton. La Etulo pensas pri tio, ke — kiam li ekpetolos kun la Arlekeno — panjo leviĝos, alrigardos lin kaj kiam li revenos post sia programero malantaŭ la kurtenon, ŝi aplaŭdos lin. Kaj li kredas tion, kaj kredas tiel forte, ke li estus preta pugnobati la vizaĝon de tiu, kiu volus forpeli liajn rideton kaj feliĉon per kiu denove pleniĝas lia koro.

— Venu! — flustras la Arlekeno.

La lumo lin iom embarasas. Sed li tuj rekonsciiĝas. Kaj jam fajreras la kutima cirka spriteco, flugas ŝercoj kaj la publiko ridas. La Etulo

faras transkapiĝojn, ellokajn saltojn kaj malicridetas al la Arlekeno. Tiu klopodas imiti lin. Liaj groteskaj movoj, malespera mallerteco elvokas ĉie gajecon. Estas bone, oni trankviliĝis malantaŭ la kurteno. La programero refiniĝas per rido. La Arlekeno pensas, ke la Etulo lin atentas. Li streĉas la fortojn por fari imite salton. Sed li falas sur la sidvangojn kaj la ridego fortiĝas pro la trompiĝa rigardo per kiu li konstatas, ke la Etulo foras jam delonge.

Tiu staras antaŭ la lito de la patrino. Neniu scias, kion li pensas, sed la okuloj larmas vidante, ke li levas la tukegon. Ne, ŝi ne ellitiĝis. Ŝi havas ĝuste tiele fermitajn okulojn kiel antaŭe. Kaj ŝi estas malvarma. Eĉ la mano, kiu antaŭe estis tiel varmega. Dio, ŝi estas tamen...

Finiĝas la programero kun ponio Jimmy kaj specimeno el la ĵonglista arto de Longegulo. Kaj li staras, staras kaj rigardas la malvarman blankan vizaĝon. La Longegulo lin delikate tuŝas. Li sentas tion, sed ne moviĝas. Li aŭdas petan voĉon.

— Etulo, ni iras...

Li tion scias, sed kiel iri, kiam ne plu estas espero. Kiel iri, kiel vidigi sin, kiel alrideti la homojn kaj riverenci pro la aplaŭdo,kiam panjo tion ne vidas? Kiam ŝi ne apertas jam la okulojn, kiam ŝi estas malvarma, morta... Kial?

— Ci, — li forte kaptas la grandegan manon de la Longegulo. — Ĉu ci pensas, ke la patrino min vidas?

— Ŝi vidas, — respondis la Longegulo. — Ŝi vidas...

Ili do iras. De malantaŭ la kurteno ilin rigardas streĉitaj okuloj. La plej malfacila akrobata programero. La eturba publiko, nekutimiĝinta al eksterordinara prezento, dekomence entuziasme aplaŭdas. Ĝi ne scias, kiel tremas la koroj de la akrobatoj ĝin surprizantaj per aŭdaco. La Longegulo kaj Etulo meritas la aplaŭdon. Ili brile sukcesis pri sia programero. Oni multe aplaŭdas precipe la Etulon. Li dankas, sed ne ridetas. Li pensas pri panjo.

Malantaŭ la kurteno lin kaptas Marianna kaj kisas.

— Bonege, Etulo!

Sed li elŝiras sin el la brakoj kaj kuras al la patrino. Ne, ŝi ne apertis la okulojn. Ĉio finiĝis. Ŝi mortis.

Kaj nur nun lin ekregas la ploro. La ceteraj scias, ke ili vane grupiĝas ĉirkaŭ lin kaj vane karesas per pezaj manoj la malsupren klinitan kapeton. Li devas sin elplori, kaj tio daŭros longe. Tiel senespere oni ploras nur

unufoje en la vivo. Sed kio estos pri la sekva programero? Li havas ankoraŭ scenon kun la Arlekeno. Stultan kaj krudan. Oni ne povas ja ĝin ellasi. Dum la sceno oni preparas la sekvan programeron.

— Etulo, vi devas, — oni diras al li. — Ja nur ankoraŭ ĉi-foje, vi scias . . .

La rigardo, per kiu li respondas, tranĉas la korojn.

— Prefere anoncu paŭzon, — krias la Longegulo.

— La publiko estas en bolo, — respondas la cirkestro. — Ni devas daŭrigi!

Kaj efektive aŭdiĝas aplaŭdego, kiam eniras la eta akrobato kaj post li la stumblanta Arlekeno. La programero estas bazita ree je mallerto de la Arlekeno. La Etulo vidigas kun miriga facileco artifikojn kaj akrobataĵojn, kiujn la Arlekeno estas imitonta. Se li malsukcesos, la Etulo povos lin piedbati. La publiko, aŭskultanta la kondiĉojn de la veto, ridas anticipe. Sed la Etulo staras kun pala vizaĝo sin detenante por ne ekploregi. Kaj la Arlekeno scias, ke tiu ĉi programero ne sukcesos tiel facile kiel la ceteraj.

La sceno, dediĉita al la publiko sin premeganta sur la starlokoj, estis finiĝonta per propono de la Arlekeno, ke post la sensukcesaj provoj li provos imiti la Etulon malantaŭ ties dorso. La estimata publiko estis atestonta, ke la Arlekeno sukcesis, poste la Arlekeno, kvankam li estas terenfalinta, rapide stariĝas, piedbatas la Etulon kaj malaperas.

Ili komencis do. Komence la piedbatojn estis ricevonta la Arlekeno. Li atendis je ili kun movo neallasanta miskomprenon. Sed vane. La Etulo lin ne piedbatis.

— Venu elen, — eksiblis la Longegulo malantaŭ la kurteno.

Sed la Arlekeno malobeis. Komencinte ili devas do ion vidigi. Kiam la Etulo lin ne piedbatis, li alkriis la publikon:

— Li volas esti kompatema. Li pensas, ke li havos okazon piedbati min alifoje. Sed mi montros al li!

Kaj la rido, kiu trompiĝe eksilentis kiam la Etulo ne daŭrigis, eksplodis denove plenforte.

La knabo rekonsciiĝis post tiu ĉi minaco kaj montris ree artifikon. La Arlekeno povis plu daŭrigi. En dek diversaj ŝanĝiĝoj li provis imiti lin kun rutino kaj sperto de maljuna cirka burleskulo, ĝis spiregante li haltis ridon ne aŭdinte. Kaj nun li sciis, ke la afero ne plu estas daŭri-

gebla. Li ekstaris do antaŭ la Etulo kaj kun espero savi la situacion kriis en ties orelon:

— Ĉu ĝi estis bona?

La Etulo havis larmojn en la okuloj. Sed la Arlekeno turniĝis al la publiko kaj ekkriis:

— Li diras, ke ĝi estis bona!

Kaj li denove alkriis la Etulon:

— Ĉu ĝi estis pli bona ol la via?

La Etulo alrigardis lin tiel, ke li devis forturni la kapon.

— Li diras, ke ĝi estis pli bona, — alridis la Arlekeno la publikon.

Kaj nun devis sekvi la finiĝo. La Arlekeno ŝveligis la ventron, preteriris kelkfoje la Etulon per ridindaj, balanciĝaj paŝoj — la publiko ridegis denove — ĝis li haltis kaj deklaris solene:

— Do vin piedbatos mi!

— Atenton, — li flustris kaj piedbatis.

La Etulo samtempe ne saltleviĝis, kiel li estis tion faranta, por ke la piedo tuŝu lin nur ŝajne. La Etulo tiumomente pensis pri io alia. Li pensis pri sia patrino, kiu ankoraŭ antaŭhieraŭ en vilaĝeto, kie ili haltis, lin kisis post sceno kun la Longegulo.

— Belege vi tion scias, Etulo! Dio vin helpu, — ŝi flustris kaj rekisis lin. Tio estis stranga, ĉar la patrino lin ne kisadis. Ŝi diris foje al li, ke li estas jam granda je tio. Kaj li tiom sopiris pri ĝi . . . Tiom sopiris. Kaj nun jam vane. La patrino lin jam ne kisos . . . Neniam.

Tiumomente trafis lin la piedo de la Arlekeno. Kaj li terenfalis. Estis strange, ke nur ie-tie aŭdiĝis rido. Iuj nekomprene nur rigardis la tristan duopon, kiu povus pli facile veki kompaton ol iun ridigi. Eĉ la Arlekeno haltis. Haltis la fuŝpaŝaj piedoj kaj la gaje svingaj manoj sinkis. Li sciis, ke li vundis la knabon. Kaj kun la ceteraj li estis aŭskultanta lian ploregon de sovaĝaj, senkatenitaj doloro kaj malespero . . .

— Patrino . . . Panjo . . .

Ĝi estis ĝena. Precipe por tiuj, kiuj tremis malantaŭ la kurteno. La publikon ĝi ŝancelis. Ĉu ĝi apartenas al la sceno? — demandis unuj la aliajn kaj kun malagrabla sento ili moviĝadis sur la seĝoj. Sed la knabo ploris plu, kvazaŭ li ne volus ĉesi kaj oni vidis kun teruro, ke eĉ la Arlekeno sin klinas al li. Kaj tio ne estis movo de cirkano, sed tiu de homo suferanta kun sia eta frato. Ne, tio jam ne estas cirko. Ĝi estas la vivo.

— Kio okazis al la knabo? Pro kio li ploras? — ekparolis iu el la publiko.

Kvazaŭ oni estus ekbruliginta fajron. La publiko ekmovis sin. Kaj post momento ŝutiĝas novaj ekkrioj:

— Klarigu, kio okazis al la knabo!

Preskaŭ tuta publiko staras kaj nerve postulas respondon. La pli ardaj sursaltis la seĝojn kaj kriegas jam ĉiuj:

— Oni batas, turmentas lin! — krias ia dikventra onklo.

— Oni ne donas al li manĝon! — pepkrias onklino en la tria vico. Kaj jen estas tie jam eĉ la cirkestro por esti iu al insultado. Li mansignas al la Arlekeno kaj tiu surbrake elen portas la knabon. Poste li petas silenton.

La Etulo nenion vidas el tio, kio okazas ekstere. Li eĉ ne volas tion vidi. La larmoj ankoraŭ fluas, sed li sidas sur la genuo de Longegulo kaj sentas, kiel tiu karesas lin.

— Ploru, Etulo! Ploru . . .

Kaj estas tiel bone alpremiĝi al la Longegulo kaj plori, alpreminte la kapon al lia larĝa brusto, kaj pensi pri nenio.

Ekstere eksilentas la tumulto. La publiko estas foriranta. La kurteno malfermiĝas. Eniras pliaĝa sinjorino kaj kelke da sinjoroj. La cirkestro turniĝadas ĉirkaŭ ili. La urbestrino, urbestro kaj kelkaj eminentuloj de la urbo venis rigardi la etan akrobaton, kies patrino estas mortinta hodiaŭ. Ili rigardas kaj admiras lin kvazaŭ ian etan strangan besteton kaj ion interflustras. Li forturnas sin de ili, kvankam li scias, ke oni parolas pri li. Kaj li ne vidas ĉi tie la patrinon. Kie ŝi estas, li subite ekploras. Kaj li elŝiras sin el la brakoj de Longegulo kaj kuras. Li trovas ŝin en la veturilo. Kaj sin ĵetas al la planko antaŭ la lito.

*

La sekvan vesperon post la entombigo de Ruĝa Susy ili denove ekvojaĝis. Nur la rondo, ŝutkovrita per segaĵo, restis post ili kaj en la tombejangulo freŝa tombo.

La Etulo sidis ĉe la Longegulo, kiu koĉeris de la unua veturilo. Ili jam malproksimiĝis de la homoj, eksterurbe sur blanka ŝoseo, prilumita de la luno, kaj de ambaŭ flankoj arboj susuris kanton al ili ambaŭ konatan. La Longegulo ĵus bruligis al si pipon kaj la knabo premiĝis al li. Paco sidis sur lia vizaĝo, paco estis ĉie ĉi tie. Paco estis ankaŭ en la rigardo de Longegulo, fiksita al la firmamento, al miloj da brilantaj

steloj. Eble Tiu, kiu tie loĝas, helpos al la knabo renkonti en la vivo tian grandan amon, kiu venkos la malamon en lia koro. Malamon kontraŭ la mondo, kiu malebligis al li home suferi, kiu volis, ke li estu cirkano eĉ tiam, kiam estis ĵus morta lia patrino.

## Barbara

Ŝi supreniris malrapide laŭ la ŝtuparo. Kelkfoje ŝi devis eĉ halti, ekripozi silente, maljunece por povi denove pasi kelkajn ŝtupojn. Ŝi ne iradis ĉi-loken. Tio estis nur mansardo, modesta ĉambreto de ilia servistino Barbara. Ĉi tie regis Barbara kaj la kelkaj sekaj kaj dornaj kaktoj ĉe la balustrado apartenis al ŝia regno.

Ŝi eĉ nun ne estus alveninta. Sed estas jam la deka kaj Barbara sin ne aŭdigas. De iu tempo ŝi ripozadas pli ol kutime. Barbara maljuniĝadis kaj ĉi fakton oni akceptis kun komprenemo kiel memkompreneblaĵon. Sed ankaŭ ĉi-maniere je la sepa ŝi estis ĉiam en la kuirejo. Strange, ŝi ekspiris, sed ŝi ne kuraĝis koleri. Ŝi havis malfortan koron.

Frapinte la pordon, ŝi ne ricevis respondon.

— Barbara, — ŝi ekkriis pepe. — Ĉu vi ankoraŭ dormas?

Barbara ne respondis. Ŝi do ekpuŝis la pordon kaj jen, ĝi kun fajna knaro malfermiĝis. Ŝi eniris.

Ŝia spiro haltis. Barbara kuŝis streĉite sur la lito. Tiele, kvazaŭ ŝi ankoraŭ dormus. Sur ŝia vizaĝo kuŝis trankvilo. Ŝiaj egaligitaj trajtoj, rigoraj eĉ nun kiel dumvive, iom mildiĝis. Barbara, kiun ŝi vidadis ĉirkaŭitan de ilaroj, estis ĉi-momente io etera, delikatega, kvazaŭ ŝi estus forvaporiĝonta kiel nebulo kaj kuniĝonta kun foraĵoj.

Ŝi do mortis. Metinte la manon al la koro ŝi paŝis pli proksimen al ŝi. Ŝi ektuŝis ŝian manon. Ĝi estis malvarma.

Silente ŝi eksidis sur la seĝon ĉe la lito. Poste ŝi premfermis ŝiajn okulojn. Eble ŝi povus alvoki la filinon. Ne. Momenton ŝi restos sola kun Barbara, kiu jam ne ekzistas. Estus bone preĝi. Ŝi kunfingris la manojn.

Ventege alrapidis la rememoroj. Ŝi subite vidis la nun silentan palan Barbara'n sur la bienego de sia patro. Ĉiu angulo plenis de ŝiaj krio, rido kaj junecaj beloj. Ŝi, la dorlotata pala filineto de sinjoro grandbienulo, enviis al la vivbola knabino eble ĉiun movon per kiu ŝi malkaŝe konfesis siajn sopirojn; ŝi enviis ŝian koketan rigardon, ŝian balancigan

irmanieron, unuvorte ĉion, kio sur propra vizaĝo ne darfis ekbruligi la ruĝan rozon de pasio.

La diferenco inter ili estis dek jaroj. Barbara estis jam pli ol dudekjara kaj ankoraŭ needziniĝonta. Onidire ŝi havis amaton. Ŝi atendis je li, ĝis kiam li revenos de militservo, ŝi atendis fidele kaj stulte, je kio kapablas nur vilaĝa knabino, kaj ŝi kredis la sanktecon de liaj postgarbejaj promesoj, kion povas kredi nur tiaj Barbara'j.

Li revenis, sed pri Barbara li malatentis. Post tri semajnoj li havis edziĝanoncojn, sed ne kun Barbara. Ordinara vilaĝa tragedio. Malriĉa junulo pro riĉa knabino forlasas la malriĉan amatinon. Ŝi revenis pala el la preĝejo simile al ceteraj forlasitaj amatinoj. Sed ŝi ja ne scipovis forgesi kaj eĉ poste ŝi ne interesiĝis pri alia junulo. Ŝi ridetis ankoraŭ, sed silente, triste. Kiel ŝi ne scipovis kaŝi sian pasian amon, same ŝi ne kaŝis eĉ la doloron.

Kaj ŝin volis ja multaj. Inter aliaj eĉ bonaj mastroj. Sed Barbara estis jam malamanta la homojn kaj la mondon. Ŝi malamis la vilaĝan vivon eĉ sin mem pro tio, ke ŝi povis ĉiutage postrigardi sian malfidelan amaton, irantan kun la edzino al la kamparo. Ŝi ĝojis kiam la mastra filino edziniĝis, kaj ŝi povis iri kun la geedzoj en la urbon.

Ĉi tie ŝi ankoraŭ plisilentiĝis. Ŝi estis modesta kaj humila. Oni nur malofte aŭdis ŝian voĉon. Ŝi laboradis obeeme kiel maŝino. Post paso de unu jaro ŝi demetis siajn naŭ jupojn kaj komencis sin vesti sinjorece. Ŝi adiaŭis la vilaĝon poreterne. Ŝi forĵetis ĝin de si.

La vivo estis ŝin al io dolore kaj amare instruinta: ŝati la monon. Pri ŝia feliĉo decidis tio, ke ŝi estis malriĉa. Havi monon estas feliĉo. Barbara sentis tion tiel forte, kiel la malamon en sia koro, kiel la malbenon de sia fuŝita vivo. Ŝi devas esti riĉa, ĉi penso eknestis en ŝia kapo. Jes, ŝi devas esti. Ja ĉio forpasas, la amo, eĉ tiu eterna, sed la mono restos. Kaj feliĉa estos ĉiam nur tiu, kiu ĝin havos. Ĉiun kronon, kiun ŝi ricevis de gastoj, ŝi deponis en banko kun sia salajro. Ju pli da kronoj ŝi havos, des pli da feliĉo ŝi aĉetos por si. Ŝi portadis la eluzitajn vestojn de sia sinjorino kaj ŝi ne hontis pro ili. Alie nenio ŝanĝiĝis en ŝia vivo.

Duonjaron antaŭ la milito ŝi elbankigis la deponitan monon. La patro de la sinjorino, ŝarĝita de ŝuldoj, ekridis malestime, aŭdinte, ke Barbara aĉetis por si kampon nefore de la urbo. Sed Barbara silentis.

Ŝi silentis dum la tuta milito, eĉ tiam, kiam la patro de la sinjorino

mortis kaj la grandbieno pro egaj ŝuldoj venis je aŭkcio. La sinjorino ricevis el ĝi nur kelkmilojn da kronoj, kiuj estis por ŝi tre bezonaj. Ŝia edzo, bankdirektoro, kiu vivis kaj reprezentis propre el „brilegaj enspezoj“ de la grandbieno — falis en la milito. Barbara silentis obstine kaj malame eĉ nun, kiam por la grandaj pretendoj de la sinjorino kaj ties filino restis nur la mizera pensio, sufiĉa je vegetado kaj ne je vivo, je kiu ili estis alkutimiĝintaj.

En la postmilita konjunkturo Barbara vendis la kampon. La urbo, centro de kamparana regiono, komencis riĉiĝi, ĝi kreskis kaj vastiĝis belege. Sur la grundoj de Barbara elkreskis vilaoj, oficistaj dometoj en stranga harmonio kun ŝiaj konscio kaj nombro da ridetoj. Ŝi denove deponis la monon en la banko. Sed kiom, tion sciis neniu. La najbaroj flustris pri sumoj kapturnaj, vekantaj respekton kaj envion. Kaj ĉi-tempe Barbara ŝanĝiĝis.

Ja, ne subite. La procedo estis lanta. Jaroj forflugis super ŝi, jam longe ŝi pasis la kvindekon kaj ŝi ankoraŭ ne respondis al si la demandon: kion ŝi aĉetos por si por sia mono. Ŝi sopiris pri feliĉo. Ŝi ĝin volis havi. Sed la sopirojn de junaĝo forportis la tempo. Amo, familia vivo, ĉio-ĉio troviĝas en neatingeblaj foraĵoj. Ŝi malfruis sian feliĉon dum akirado de mono, ŝia vivo restos seka tero, mizera novalo, ĉar ĝin neniam pluvhumidigis beno. Ĉu jene ŝi vivu? Ja ŝi estas nur servistino. Kvankam por sia mono ŝi povus esti sinjorino eĉ tie, kie ŝi ĝis nun servis.

Kaj tiele perdiĝis la humileco de Barbara, intensiĝis ŝiaj vortoj kaj kreskis la konvinko, ke en tiu ĉi domo ŝi devas transpreni la komandon. Kiam foje la sinjorino venis en la kuirejon kaj ĵus donis al ŝi neeviteblan instrukcion pri la dimanĉa lumborostaĵo, ŝi ekgrumblis kolere:

— Tion mi scias pli bone.

— Sed, Barbara, — kun miro ekkriis la sinjorino. — Kion vi permesas al vi? Kiel vi parolas al mi?

— Kiel la beko kreskis al mi, — ŝi respondis krude kaj lakone.

La sinjorino konsterniĝis. Sed eĉ vorton ŝi ne diris. Kaj post momento Barbara ekvorttorentis:

— Rigardu, moŝta sinjorino. Kial ni ludu komedion? Mi ne devas resti ĉi tie, mi ja havas vivrimedojn. Sed mi vin iel amas. Mi restus. Se . . .

Ĉi-momente ŝi ekhontis. Eble tamen estas multe, kion ŝi volas. Sed la sinjorino urĝigis la daŭrigon. Kaj la afero evidentiĝis.

— Se vi ne konsiderus min kiel servistinon. Se en la domo ankaŭ mi havus vorton, kvazaŭ mi estus al vi apartenanta. Ve, — ŝi ekruĝis subite, — mi eĉ ne scias kiel tion diri . . .

Ŝi ekkomprenis ŝin. Sed tio estas absurda penso. Ja eble ŝi ne sidigos sian servistinon al sia tablo.

— Kaj mi pensis tiel, — ŝi moliĝis kaj larmo aperis en ŝia okulo, — ke mi parencojn ne havas kaj la monon, kiun mi estas ŝparinta, mi ne donos al iu fremda. Sed mi donus ĝin al fraŭlino Klotilnjo. Kaj da ĝi estas multe. Nur . . .

Post momento la sinjorino eliris el la kuirejo. Post mallonga interkonsiliĝo kun la filino pri la nekaŝataj sopiroj de Barbara ŝi sciigis Barbara'n, ke oni akceptas ŝian proponon. Barbara iĝos familianino. Ŝi tion meritas ja post multjara oferema laborado.

Barbara estis senmezure feliĉa. Ekde tiu tempo ŝi regis la domon. Ŝi laboris tiel konscience kiel antaŭe, sed neniu rajtis sin miksi en ŝian laboron. Kaj posttagmeze, fininte sian laboron, ŝi eksidis en la salono por pridiskuti ĉiujn problemojn de ilia monotona vivo. Ŝi kutimiĝis al tio kaj la salonon ŝi ne forlasis eĉ tiam, kiam venis gastoj. Ŝi eĉ bonvenigis ilin prezentante al ili la manon. Tio estis ofte tre ĝena. Okazis, ke Barbara, parade vestita, bonvenigis nekonatan gaston kaj la gasto mankisis al ŝi en konvinko, ke li parolas kun la dommastrino. „Neaŭdita afero," indignis la sinjorino, sed Barbara dum semajno brilis pro feliĉo, ke ŝi estas nek pli malbela nek malpli eleganta ol ŝia sinjorino.

La amikoj de la familio sciiĝis pri la sekreto ĉirkaŭ la kariero de Barbara kaj ĉesis ilin vizitadi. Persistis nur la fidelaj, kiujn ne timigis la nekonvenaj rimarkoj de Barbara nek ŝiaj ĉeesto kaj maniaj sopiroj. Estis pli malbone, ke Barbara komencis miksiĝi eĉ en la intimaj aferoj de la familio, ŝi kritikis gastojn, kalumniis la amikinojn de la sinjorino kaj pri iu el ili ŝi rekte diris, ke tiun fieraĉan virinaĉon ŝi eĉ vidi ne volas.

Kion oni povis fari? Nur toleri kaj atendi. Je kio? Nu je morto de Barbara. La dommastrino eĉ ne volis memkomprenebligi al si ĉi tion kaj forpuŝis ĉiun penson, kiu atentigis ŝin je tiu atendo. Sed Barbara estis forta, malsanrezista kaj dura kiel la surmontaj kverkoj super ŝia naskiĝloko. Ŝi sciis jam eĉ rideti kaj ĝoji pri la vivo kiel homo, kiu post longa serĉado kaj dubo ekkonis sian valoron kaj trovis sian feliĉon.

La sinjorino kaj ties filino sentis, ke ili longe ne eltenos rigardi Barba-

ra'n en la rolo de familianino. Ili havis la promeson pri la mono de Barbara, sed ili pagis kare por ĝi. Ja tio estis preskaŭ revolucio, kion faris Barbara. Ŝi malkonstruis la malnovajn murojn inter si kaj la sinjorinoj kaj stariĝis je sama nivelo kun ili. Ĉi tio ne estis longe tolerebla. Karambolo estis neevitebla.

Klotilda ĵus estis edziniĝonta. Pri ŝi kandidatis oficisto kun altlerneja klereco, homo honesta, sed Barbara verdiktis, ke li estas almozulo. Kaj kiam Klotilda sin defendis, ŝi finis la aferon per senkompata rimarko: „Nu, kial ne povus la fraŭlineto edziniĝi al almozulo, se ĉiu-kaze ŝi heredos miajn milojn?"

Tiam ŝi volis ŝin elĵeti. Tuj. Ŝi paku siajn kofrojn kaj rapidu el la domo. Sed ŝi silentis. Kvietigis ŝin la espero, ke Barbara tamen helpos al ili. Klotilda elkuris plorante. La sinjorino malkviete rigardis al la vizaĝo de Barbara, kvazaŭ ŝi eĉ ne rimarkus la triumfan rideton sur ĝi.

Iun vesperon, kiam Klotilda estis jam dormanta, ŝi vizitis sekrete Barbara'n en la kuirejo. Ĝi estis ja vojo malfacila kaj tro granda la peto, kiu ŝin alkondukis al Barbara. Sed temis pri la feliĉo de ŝia filino. Vane ŝin malkonsilis la humiligo, kion ŝi antaŭvidis, vanis la amara sento, ke ŝi volas almozpeti de sia servistino. Ŝi iris. Eble ŝi konsideris heroeco tion, kion ŝi estis faronta.

Sed Barbara ja ne havis komprenemon por la afero.

— Eĉ heleron mi ne donos, — ŝi ekkriis furioze. — Eĉ ne unu el la heleroj, kiujn mi ŝparis sangŝvite, dum vi amuzadis vin kaj laĉigis de mi viajn botetojn. Mi ne donos, ĉar mi ne volas. Ni estas nun egalaj en ĉio. Kiam mi mortos, vi povos ilin elĵeti eĉ tra la fenestro.

Ŝi ŝancelis elirinte el la kuirejo. Ŝi ploregis longe en la nokton pro la lastaj vortoj de Barbara: „Ho, senigi min pri la mono kaj poste min elĵeti sur la straton? Tion ne!"

Do ne. Se nenio estas farebla, Klotilda ne edziniĝos.

Sed Klotilda edziniĝis. Ŝia fianĉo kuraĝis eĉ sen mono enpaŝi la edzecan vivon. En Barbara bolis la kolero. Ŝi volis ĝin kaŝi, sed tiamezure ŝi ankoraŭ ne progresis en imitado de la sinjoraro por sukcesi en tio. Ŝia kolero eksplodis, ŝi insultaĉis, sed kvazaŭ ŝi estus respekton perdinta. Ŝiaj vortoj forsonis surde, kvazaŭ ŝi eĉ ne ekzistus kaj ŝian koleran vizaĝon vidis neniu.

Ŝi ne iris eĉ al la edziĝfesteno. Ŝi retiriĝis en la kuirejon, rigardante malestime la pruntitajn servistinojn, kiuj priservadis ĉe la vespermanĝo.

Propre, kio ŝin koncernas? Ŝi kolektos siajn aĵojn kaj foriros de ĉi tie. Kiam eĉ je tiu ĉi minaco reagis neniu, ŝi eksilentis. Kaj ŝi restis.

De kiam en la domo estis viro, la konscio de Barbara iom ŝrumpis. Kun evidenta malico ŝi observis la lukton de la junaj geedzoj kontraŭ la malalta salajro, kiu ne povis elsorĉi la elrevitan vivon. Kaj ŝi estis konvinkita, ke iliaj juneco kaj amo ne venkos tiun ĉi malhelpon; ke certatempe ili elserĉos la maljunan Barbara'n, ĉar ili konvinkiĝos, ke sen ŝia mono oni ne povas vivi. Kaj ŝi pretigis sin je tiu ĉi momento por forpuŝi ilin denove, pufe, kiel almozulojn. Jes, por dolorigi ilin, por ke ili sentu ŝian malamon kaj pentu pro la aŭdaco, kun kiu ili kuraĝis ekpaŝi la vivon sen ŝia konsento.

Sed vane ŝi forĝis siajn planojn, vane ŝi atendis. Ŝi iradis en la domo kiel fantomo, ĉiam okupita de sopiro pri venĝo. Kaj ŝia feliĉo? Kien ĝi perdiĝis? Ŝi plenumis sian laboron mekanike, sentante, ke ŝi perdis ion. Ŝi ne estis jam la maljuna Barbara, kiu estis familianino kaj povis sin miksi eĉ en la intimajn aferojn kaj problemojn de sia sinjorino Oni forŝovis ŝin el sia vivo. Oni sentigis al ŝi, ke oni ŝin ne bezonas.

Ĉu tio estis ebla? Ŝi ne volis tion kredi. Ŝia mono ne perdis la potencon. Per ĝi ŝi ŝaktenis ĉiujn ĉi almozulojn. Ĉu tio estis la serĉata feliĉo, ke ŝi povis stari super ili, super siaj gesinjoroj kaj turmenti ilin per skurĝo de siaj ironiaj ridetoj? Jes, turmenti ilin pro ŝia misa vivo, pri kio ili estis senkulpaj, pro ŝiaj larmoj, pro ŝia enterigita feliĉo. Ŝi volis nun nur tion. Ja ekbatos ankoraŭ ŝia horo.

Kaj ĝi vere ekbatis. La sinjorino ŝin vizitis denove. Ŝi petis ŝin pri prunto, subpreminte en si perforte la rememoron pri la unua ĉi-tema vizito. La loĝejo en kiu ili loĝis estis malgranda kaj multekosta. Ĝi estis nekonvena kaj ili ne povis ĝin pagi. Estis multe da kialoj, kiuj devigis la junajn geedzojn pli konvene solvi la problemon. Ili volis konstruigi domon, kie ankaŭ Barbara havus ĉambron. Se ŝi estus tiel bona. Ja temas nur pri prunto, kiun ili partopagos monate.

Kiam la sinjorino estis tion eldirinta, ŝi eksentis, kiel ŝin ŝanĝis la vivo. Kiel submetiĝis eĉ ŝi, kiel ŝi modestiĝis. Ŝi forgesis sian fieron kaj senpripense ŝi surtabligis la ĝenan demandon, kvazaŭ ŝi ne estus rimarkinta en ĝi sian humiliĝon. La vizaĝo de Barbara estis ekscitita, ruĝa. Kvazaŭ io estus ekmoviĝinta en ŝi. Kvazaŭ ŝi estus laciĝinta de lukto simile al sia sinjorino. Kaj ŝi jam ne volis kontraŭstari.

Barbara subite ekridetis kaj diris denove: ne. Sed ŝi ne kriis, ŝi ne

estis kruda. Ŝi diris tion silente, kvazaŭ ŝi timus disŝiri la delikatan araneaĵon, ŝin kuniganta ankoraŭ kun la pasinteco, kun kredo pri potenco de sia mono, sen kiu ne ekzistas feliĉo. Eble sola vorto estus helpinta, sed ili ne eldiris ĝin. Ili ambaŭ sentis, ke ili interkompreniĝos neniam, ke iliaj mondoj neniam proksimiĝos unu al la alia.

La bofilo koleris pro tiu ĉi vizito, ne kaŝante dubon pri la promeso de Barbara.

— Oni ne povas konstrui estontecon je tio, kion maljuna virinaĉo estas iam promesinta en espero, ke pro tio ni toleros ĝismorte ŝiajn histeriajn konvulsiojn.

— Mi ne koleras ŝin, — respondis la sinjorino. — Sed mi ŝin kompatas. Nenion bonan ŝi kapablis fari en la vivo.

Ili prunteprenis monon el banko kaj konstruigis al si dometon. Barbara ricevis por si mansardon. Ili estis ja bonaj kontraŭ ŝi, sed Barbara sentis, ke ili nun definitive forigis ŝin el sia vivo, ke ili sukcesis eĉ sen ŝia mono kaj se ŝi nun proponus ĝin al ili, ili kapablus eĉ forrifuzi ŝin. Kelkokaze, kiam ŝi menciis al ili la monon, iliaj ironiaj ridetoj ŝin silentigis, premsufokante ŝian gorĝon. Ŝi rekomencis pensi. Ĉu prezenti al ili la monon nun? Ĉu doni al ili ĉion? Sed ŝi elpensis nenion.

Malvenkis Barbara, malvenkis pri la mono same, kiel pri la amo, ŝi perdis sian misan vivon, ĉar ŝi kartludis hazarde, metinte ĉion sur unu solan karton. Ne, la mono ŝin ne feliĉigis, ĝi donis al ŝi nenion. Ŝia feliĉo estis tiel fore, kiel tiam ĉe la edziĝanoncoj de ŝia amato. Kaj kion nun? Kion pri la vivo? Ĉu ĝi estas ankoraŭ riparebla? Ĉu estas ankoraŭ febre serĉebla ia elirejo, ia nova vivosenco, beleco, kiu ŝin konvinkus, ke ankoraŭ ekzistas reveno, ke estas forviŝebla ĉio, kion per siaj krudaj agoj ŝi estas skribinta en sian vivolibron? Ĉu ŝi povas rekomenci la rabi-pasian ludon pri sia feliĉo tiel persiste kiel iam, mokante la ŝarĝon de malpleno de ŝiaj tagoj kaj maljuneco sur ŝin rulitan?

Ŝi estis ĉe advokato. Kial, oni ne sciis. Poste ŝin vizitis ŝia eksamato. Ties nepo estis edziĝonta kaj li volis, ke Barbara heredigu al li kelke da groŝoj.

— Vi ja mortos same, — li diris al ŝi en ĉeesto de la sinjorino. — Por kio vi bezonas monon, al kiu vi ĝin donos?

Barbara malfermis la pordon kaj montris al ĝi.

— Elen! Vi ĉiuj manĝus min de amo pro la mono. Vi ĉiuj estas egalaj, nur por tio mi taŭgas por vi. Sed mi vivos cent jarojn . . . Cent jarojn . . .

Eĉ rememoroj ne vekiĝis en ŝi, kiam ŝi postrigardis sian, kiel batita hundo elkortiĝantan eks-amaton.

Ekde tiu tempo vidadis ŝin la domanoj enpensiĝinta, malkvieta. Ĉiam ŝi estis en embaraso, ŝiaj malklariĝintaj okuloj vagis ie en foraĵoj. Barbara haltis kaj ne kapablis ekmoviĝi. Ĉio ŝin trompis kaj da tempo estis jam eble tre malmulte. Kion ŝi faru? Ĉu atuti ankoraŭ la ludkarton, pro kiu ŝi ludperdis siajn vivon kaj feliĉon? Kaj ĉu ŝi trovos ĝin almenaŭ nun ĉe la fino? Kaj ĉu ŝi foriros kun rideto survizaĝe?

Ŝi jam ne respondos. Ŝi estas morta. Eble la morto ŝin haltigis tiumomente, kiam ŝi trovis tion, kion ŝi estis serĉanta. Kaj ĉu Barbara ne elmetis sian atuton?

Ŝi kliniĝis al ŝi kaj kisis ŝian frunton. Ĉu tio estas ŝia ŝparlibro surplanke sub la lito? Terura ekscito trakuris ŝian korpon. Ŝi malfermis ĝin. Antaŭ tri tagoj Barbara elbankigis la monon. Ducent dek unumil kronojn. Kie ili estas pro Dio? Kie?

Instinkte ŝi rigardis al la forno. Ŝi alsaltis ĝin. Delikata cindro, de kiu plenis la forno, disŝutiĝis en ŝiaj manoj. Barbara trovis nenion en la fino de la vivo. Ŝi foriris kun kunfermitaj pugno kaj dentoj, kun malamo pro sia fuŝita vivo, pro malbeno, kiun ŝi portis en si. Kaj ŝi venĝis sin al mono, ĉar ĝi pretigis por ŝi la plej grandan trompiĝon, ĉar ŝi ne povis por ĝi aĉeti feliĉon kaj en ĝi ŝi ne trovis atuton, per kiu ŝi estus povinta gajni sian erarintan vivon.

Ŝi eliris vigle el la ĉambro por alvoki la filinon.

## Sonĝo

Vesperiĝas. Kelke da drinkemuloj apud fajrujo kunpremiĝe sidas ĉe vino. La krepusko obtuzigis la forton de la vortoj, nur la vinforto brilas en la okuloj. La brulantaj ŝtipoj mallaŭte interflustras kaj parolas la drinkejmastro. Kun nova vino novaj vortoj pretigas al si vojon el la silento.

Apud la fenestro en angulo staras tablo. Christopher Marlowe, komedianto kaj poeto, metis sur ĝin la kapon. La titana kapo trankvile ripozas, la okuloj, kies rigardo kiel neselitaj ĉevaloj sovaĝe kuregis foren, estas kviete fermitaj. Kit Marlowe sonĝas.

— Li havas kapon kiel reĝo, — flustras la drinkejmastro al la tablo-

